XXXIV-a Jaro — N-ro 462 (8) — 30 Aprilo 1938

# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# Litova pioniro de Esperanto Aleksandro Dambrauskas †



Aleksandro Dambrauskas † 19. II. 1938

*Atingis nin — malfrue — la sciigo pri forpaso de vera pioniro de Esperanto, adepto de l' unua horo, oni povus diri. Estas Prelato Aleksandro Dambrauskas, [alia skribmaniero pli konata : Dombrovski] kies vivo estis intime ligita al nia lingvo. Kiel ano de popola kaj lingva malplimulto en iama Cara Imperio, kiel katolika ekleziano, li sentis kaj spertis la maltoleremon trifoje. Kaj tio lin kondukis al ideo de internacia helpa lingvo. Ankaŭ li kredis, ke ĝeneraligo de tia helpilo, apud la propra patrina lingvo, faciligos la rektajn rilatojn de homo al homo kaj kreos ponton por pli bona kompreno de gento al gento.*

*Li estis en regulaj rilatoj kun la kreinto de nia lingvo, kvankam li ne partoprenis ties opinion pri idea bazo de Esperanto. Ambaŭ esperis, ke el la ruinoj de la milito stariĝos io nova, io, kio respondas al ilia espero! Ambaŭ — Majstro kaj disĉiplo — ne plu estas; sed iliaj nomoj restas en la memoro de dankemaj esperantistoj.*

La Redakcio.

---

D-ro Al. Dambrauskas naskiĝis 27 Aŭgusto 1860 en vilaĝo Kuroniai, distrikto de Ukmergé, Centra Litovujo, de vilaĝanaj gepatroj. La komencan-instruon li ricevis sekrete de lia onklo, ĉar estis malpermesite lerni litovlingve. 1880 jaro li finis gimnazion de Ŝiauliai, kaj la saman jaron studentiĝis en St. Peterburga Universitato kiel naturscienca studento. Post unu jaro li revenas al Kaunas kaj komencas studi teologion en pastra seminario, 1884 jaro li estas sendata de la pastra seminario denove al St. Peterburgo por perfektiĝi en teologiaj sciencoj en Teologia Akademio. 1888 jaro li fariĝas Magistro de Teologio kaj akceptas pastran konsekradon. Lia unua ofico estis katastrofa : estante religia instruisto de gimnazio en Panevežys, li energie protestas kontraŭ perforta devigado de katolikaj gimnazianoj preĝi en ortodoksaj preĝejoj kaj en rusa lingvo. Oni enkarcerigas lin por kvin jaroj kaj ekzilas lin al Rusujo, de kie li revenas nur en 1895 jaro. Por « **malfidelulo** » estas treege malfacile trovi oficon, do dum multaj jaroj li estas sen konstanta okupo. Jaro 1902 estas krucvojo de lia kariero : li ricevas inviton de Teologia Akademio en St. Peterburgo kaj instruas en ĝi ĝis 1906, kiam komenciĝas litova nacia movado. Li tuj revenas al Kaunas kaj arde komencas laboradon pri litova klerigado : fondante eldonsocietojn, redaktante ĵurnalojn, verkante lernolibrojn, predikojn, admonojn, konsilojn, kritikojn, satirojn ktp.

De post 1906 li konstante instruas en pastra seminario ĝis la lasta tago laborante por litova literaturo, kulturo kaj eklezio.

Prelato Dambrauskas nature inklinita al scienco ne forlasis ĝin eĉ estante pastro. Specialan valoron havas liaj matematikaj problemoj, pri kiuj li verkis en Esperanto du libretojn. Tuta lia labormetodo estis matematike preciza, logika kaj celkonscia.

Sed la plej grava lia verko estis literaturkritiko : li eluzis en ĝi tre altan intelekton kaj montris grandan erudicion pritraktante plej variajn demandojn. Li estis ne nur kritikisto, diletanto, sed profunda studanto de la kritikata sfero.

Li multon faris en litovaj lingvostudoj, eĉ proponis reformon de litova alfabeto. Same li estis profunda studanto de filozofio, aŭtoritato en latina lingvo kaj aliaj teologiaj aferoj.

La plej karakteriza trajto de Dambrauskas : Li estis absolute neinfluebla. Antaŭ neniu li klinis la kapon : li amis la veron kaj al ĝi li servis dum sia tuta vivo.

Aleksandro Dambrauskas estis distinga aganto por Litova renaskiĝo. Li ekagis kontraŭ maljusteco rusa kaj sentime protestis kontraŭ ĝi. Li kunlaboradis en unuaj litovaj gazetoj, kaj vekigadis litovojn el nacia apatio. Liaj versaĵoj estas plenplenaj de patrujamo, de sopiro al beleco, de justeco kaj al fina celo, servado al Dio.

Por ni Esperantistoj, Dambrauskas estas granda homo kaj pioniro de Esperanto, ne nur en Litovujo, sed ankaŭ en Esperanto-literaturo.

Li estis supozeble la unua Esperantisto en la mondo, kiu lernis Esperanton pere de libroj. En 1887 jaro estante en St. Peterburgo, Dambrauskas ekvidis en la kroniko sciigon pri la apero de nova lingvo kun jena rimarko : **« La tutmondaj ŝtelistoj de nun povos ekuzi tiun novan interkomprenigilon por siaj internaciaj celoj. »** Tiu mokrido tute alie efikis nian pioniron. Li tuj venigis la libreton kaj post du taga studado li sendis leteron Esperantlingve al D-ro Zamenhof, en Varsovio. Do, nepasis eĉ du semajnoj post la apero de « Lingvo Internacia » jam pastro Al. Dambrauskas estis Esperantisto.

Li ankaŭ estis entuziasma amiko de D-ro Zamenhof. En lia arĥivo troviĝas 22 leteroj de Zamenhof. Li estis la plej arda batalanto kaj apologeto de Esperanto. Li ĉion deziris tuj pruvi praktike : Esperanto estas taŭga por poezio — jen li verkas unuajn poemojn kaj versaĵojn en Esperanto, Esperanto estas utiligebla al scienco — jen li verkas librojn pri matematikaj problemoj, Esperanto estas taŭga por disvastigi ideojn internacie — jen li verkas pri filozofiaj kaj moralaj problemoj en libreto « Malgrandaj pensoj pri grandaj demandoj ».

Dambrauskas estis vera verda kavaliro, la obstina kaj kuraĝa batalanto. Kie aperis artikoloj kontraŭ Esperanto, li akceptis ilin kiel ganton ĵetitan al lia vizaĝo kaj li duelis kun la malamikoj ĝis li sukcesis ilin hontigi.

Malgraŭ ke tiutempe en Litovujo estis malpermesite presi, legi kaj posedi litovlingvan libron, Dambrauskas en 1890 jaro eldonas unuan litovan lernolibron de Esperanto. Do, eĉ Esperanton, litovoj devis lerni el malpermesitaj libroj. En 1901 jaro li eldonas tradukojn de litovaj versoj kun notoj. Pli poste li zorgas pri eldono de litova Esperanto gazeto, sed la mondmilito neniigas apenaŭ komencitan laboron. Post la milito li unuigas litovajn Esperantistojn fondante Litovan Esperanto-Asocion kaj reeldonante « Litovan Stelon » kiun li redaktis ĝis 1926.

Prelato Dambrauskas estis lingva komitatano, aganto kaj kunfondinto de Esperantista Katolika Ligo kaj honora prezidanto de Litova Esperanto Asocio. Dum la jubilea kongreso en Varsovio li estis honorigita per ora stelo kiel pioniro de Esperanto.

Li estis tre modesta homo : ĉion, kion li posedis fordonadis al kulturaj celoj. Same li estis labor-fenomeno, asketo kaj super ĉio, homo kiu obeis nur la voĉon de la konscienco. En sia lasta volo li ordonis, ke lia enterigo okazu kiel de iu ordinara homo : sen florkronoj kaj sen paroladoj.

Sur sia tombo li petis meti jenan enskribon :

*« Ni radias ne per*
*nia propra flamo*
*Kaj ni lumas ĉirkaŭe*
*ne por ni mem... »*

**Ant. Poŝka.**

---

# LITOVA HIMNO

Maestoso — Dr V. Kudirkos.

La litovoj havas unu el la plej novaj naciaj himnoj, kanton kun sufiĉe lerte eltrovita flue-verva nemalfacila melodio kaj vortoj kapablaj veki sentojn de patrujamo. La tekston verkis D-ro med. Vincas Kudirka (1858-1899) en jaro 1898 unue presita en sama jaro. La tradukon en Esperanto plenumis litova pioniro de Esperanto Prelato Dambrauskas (Dombrovski) kaj aperis en la gazeto « Litova Stelo » 1922 kaj poste en la leginda libro « Litova Almanako ».

La himno estis unue kantita en la jaro 1905 en Vilno de ĥoro, gvidita de komponisto M. Petrauskas. Ĝi fariĝis oficiala himno de la Litova Respubliko en 1918, konforme al tradicio antaŭmilita. Jam en 1909 ĝi estis rigardita kiel nacia kanto.

Oni aŭdigas ĝin okaze de naciaj kaj aliaj gravaj solenaĵoj. La publiko stariĝas, laŭplaĉe kunkantas, sen ĉapelo.

## Litovuj' patrujo nia

Lietuva, tėvynė mūsų, tu didvyrių žemė!

Teksto de V. KUDIRKA. Trad. A. DAMBRAUSKAS.

*Litovuj, patrujo nia, ter' de heroeco !*
*Viaj filoj ĉerpu forton el la estinteco.*
*Iru ili nur laŭ vojoj de la virt' konstante,*
*Por la bon' de vi kaj homoj ĉiam laborante.*

*Ho vi sun' de Litovuj', pelu la mallumojn for !*
*Kaj klerec' kaj justec' niajn paŝojn oru.*
*Kaj de Litovujo am' ekbruligu nin per flam'*
*Kaj je l' nom' « Litovuj » unuiĝ' ekfloru !*

## Litova popol-kanto

Primeditis patrineto,
primeditis grizkapeta,
kien lasu filinon,
kien lasu?
Ĉu en kampan vilaĝeton,
ĉu en riĉan bieneton,
ĉu en altan monteton,
ĉe la verda tilio,
en la tombon malvarman ?
Venos varma la printempo,
paŝtos fratoj la ĉevalojn
ĉe la tombo fraton,
ĉe la tombo fratina.
Premos tombon de l' fratino,
ŝutas blankajn la sablerojn,
vokos la amikinon,
Ho, leviĝu, fratineto,
ho, leviĝu, lilieto,
de l' tolo tekstistino.
Kovras tombon la herbeto,
vin forgesos junuletoj
vian tombon forgesos,
forgesos tombon.
Klinos branĉojn la tilio,
kovros tero tombon vian,
kreskos blankaj,
kreskos blankaj trifolioj
sur la tombo fratina,
sur la tombo fratina...

Trad. P. LAPIENÉ.

## El historio de nia movado :

Lingvo internacia
de Dro. Esperanto
Eldono litova.

Mokintuve
Terptautiszkos kalbos
Dro Esperanto.
Prakalba, kalbomokslis, straipsniai dėl skaitimo, žodinas terptautiszkas - lietuviszkas ir lietuviszkas-terptautiszkas
iszdave
K. A. Dąbrauskas.
1890 m.

**Kovrilpaĝo de litova lernolibro, aperinta 1890**

## Litovujo

de A. Miŝkinis

Promesis ni ornami
Vin al fratin' simile.
Nun en junec' Vi sama,
nun en printempo brila.

*Mi kanti nun deziras*
*per rimoj plej belsonaj.*
*Sur kampoj vastaj Viaj*
*la pensoj miaj dronas.*

Hieraŭ sur deklivoj
koleris vent' sen fino,
ĉar restis Vi sen Vilno,
ĉar restis Vi orfino.

*Someroj tie verdaj,*
*pli verdaj estas rutoj.*
*Pri la servut' mi pensis,*
*mi pensis pri rekrutoj.*

Plugistoj iris grizaj,
perfortaj la viktimoj,
sklavvojon per genuoj,
simile al pilgrimoj.

*Kantadis kantojn multajn*
*sur la acerverando,*
*kaj por la libroj migris*
*al fora Prusa lando.*

Forpasis jaroj multaj,
riveroj malrapidis...
Ekscito estis nova,
kaj nova temp' validis.

*Ektintis forte vojoj,*
*kaj klinis sin betuloj.*
*Foriris de plugiloj*
*militen la junuloj.*

Liberaj venis kelkaj,
aliaj sangon ŝprucis,
por triaj sur la kampo
plantiĝis lignaj krucoj.

*Al kanto min, inspiris*
*pri Via sort' la penso.*
*El tolornam' mi legis*
*pri la kvieto mensa.*

Ho, kien Vin ni gvidos.
donacojn donos kiajn ?
Hodiaŭ pens' profunda
sulkigas la tempiojn.

*Per kia kron' ornamos*
*Vin al fratin' simile ?*
*Nun en junec' Vi sama,*
*nun en printempo brila.*

Trad. P. LAPIENÉ.

## La fiŝisto

de VINCAS KRÉVÉ

Ne riproĉu, panjo, ke mallerta mi fiŝisto estas. Ne miru ke mia reto ne kaptis la fiŝojn, ke mia naso malplenas, kaj vi ne havas el kio prepari la vespermanĝon.

Ne diru, patrino, ke malbona mi fiŝisto estas, ĉar dum frua mateno mi eksidis en boaton kaj forestis ĝis malluma vespero, tamen malplenas mia ŝlimkovrita naso : vi ne havas per kio kvietigi la malsaton.

Ne parolu, patrinjo, ke ĉiuj miaj najbaroj, poste elveturinte en la maron, kaptis plenajn retojn, venigis ŝarĝitajn per fiŝoj boatojn kaj nune ĝojas je sia akiro kun la familianoj.

Ne mallaŭdu min, patrineto, ĉar ili ĉe la bordo ĵetis siajn kaptilojn, sub arbetaĵojn trenis siajn vadretojn, sed mi veturis malproksimen en la bluan marvastaĵon, ĉar mi volis kapti oran fiŝon, la reĝinon de l' maro.

La ŝtormoj min tordis, la ondoj min lulis, la abismo mokalridis min per sia nigra vizaĝo, sed mi veturis ĉiam pli malproksimen, ĉar mi volis kapti oran fiŝon, la reĝinon de l' maro.

Ne parolu, panjo, ke vana estas mia laboro, la revo neatingebla — mi volas kapti oran fiŝon, la reĝinon de l' maro...

Mi volas regi en ĝiaj sorĉaj landoj !...

(El litova : P. LAPIENÉ).

## Edzig-kanto litova

Mi jam anoncis al panjo mia
depost la mezo de la somero :
— Serĉu, patrino, la ŝpinistinon,
la ŝpinistinon kaj teksistinon.

Sufiĉe longe ŝpinis mi linon,
sufiĉe rastis herbejan fojnon,
sufiĉe restis herbejan fojnon,
sufiĉe falĉis sur mont' sekalon.

Ho vi, kroneto de verda ruto,
nelonge verdos vi sur la kapo.
Miaj rubandoj de verda silko,
ne plu vi brilos en suna lumo.

Mia hararo, vi ore blonda,
ne plu vi flirtos en blov' de vento.
Mi nun vizitos patrinon mian
sen rutkroneto, en kapvolvaĵo *).

Ho, kapkovraĵo blanklina mia,
vi nun eksumos en blov' de vento.
Vi, ornamaĵoj diversplektitaj,
vi nun ekbrilos en suna lumo.

Vi, harrubandoj de verda silko,
sur mur' vi pendos kaj min plorigos,
kaj la ringetoj el oro pura,
en kesţ' vi kuŝos kaj rostkoviĝos.

Tradukis : P. LAPIENÉ.

1 Litovaj knabinoj portadis sur hararo rutan kroneton, kiun post la edzigo anstataŭis tola kapvolvaĵo.



# Vorto pri Litovujo

## Okaze de 20-a datreveno de la deklaro de sendependeco 1918-1938

Litova nacio estas unu el la plej malnovaj nacioj de Eŭropo, kiu konservis plej puran ariecon en siaj lingvo, moro kaj folkloro. Kun litova kulturo estas ne dubindaj rilatoj en la tuta mondo kie regas arioj.

Laŭ la aserto de arkeologoj, litovoj loĝis jam antaŭ kelkaj miloj da jaroj en la nuna Litovujo. Ili posedis multe pli altan kulturon kaj civilizacion ol la samtempaj iliaj najbaroj. La elfosaĵoj en Apuolé kaj en la aliaj lokoj loĝataj de litovaj gentoj, klare montras la superecon de litova civilizo kompare kun aliaj popoloj tiu tempaj de Eŭropo.

La prahistoria Litovujo estas tre riĉa je restaĵoj de la kulturo aista, kiu tre forte influis la materialan kaj spiritan evoluon de la najbaroj. De tiuj tempoj estas ankoraŭ tre rimarkinda kulturparenceco kun finnoj : ankoraŭ estas distingebla la influo de litova lingvo en la finna.

Unu el la plej valora aĵo de aria kulturo — la lingvon — litovoj ĝis hodiaŭ konservis en la plej pura formo. Litova lingvo estas la sola en Eŭropo kiu povas fieri pri la parenceco de ariaj lingvoj en malproksima oriento. Hodiaŭ nek unu lingvisto povas studi ariajn lingvojn, sen la kono de litova lingvo. Litova lingvo konservis malnovajn elementojn, formojn, esprim-manierojn, kies funda kono estas necesa por studanto de lingvo-scienco hindo-aria.

La fama franca filologo Meillet diris pri Litova lingvo jene : « Se vi deziras aŭdi kiel niaj prapatroj parolis, venu en Litovujon ». Historiaj dokumentoj pri Litovujo aperas tre malfrue el la IX — X jarcento de kiuj ni ekscias diversajn opiniojn pri Litovoj. Ekzemple la verkistoj kiel Adam de Bremen, Helmhold, Jornandes nomas la litovojn « homines humanissimi ».

En la komenco de XIII jarcento litovoj, premataj de ĉiuflankaj malamikoj fariĝis el la « plej humaneca gento de la mondo » bravaj kaj obstinaj sindefendantoj kontraŭ diversnaciaj malamikoj. En la fino de la sama jarcento litovaj dukoj estis jam unuigitaj sub reĝo Mindaugas, kiu kristaniĝis kaj kreis litovan regnon. En la dekkvara' kaj en komenco de XV-a jarcento, la litova ŝtato limis de urbo P s k o v ĝis Nigra Maro kaj de rivero Vistulo (Visla) ĝis Moskvo.

La konstantaj militoj kontraŭ la Teŭtona ordeno, subtenata de tuta Eŭropo kaj kontraŭ tataraj hordoj el la vastaĵoj de Rusujo donis nenion bonan por Litovujo mem, sed tamen ĝi faris grandegan Servon al Eŭropa civilizacio, gardante ĝin de nova invado azia.

En la XV-a jarcento, per kuniĝitaj fortoj de litova kaj pola regno, estis venkita la Kruckavalira ordeno apud Grünwald, kiu dum centjaroj per sango kaj glavo penis subigi Litovujon, La litovoj akceptis kristanecon memvole de poloj kaj formis union en la persono de la ŝtatestro. (Personan union). Post tio la poloj ĉiam timis la disiĝon de polo-litova ŝtato kaj ĉiam elektadis litovajn grandukojn al pola trono. Fine, malgraŭ forta protesto de litova nobelaro en Lublina kongreso estis farita polo-litova unio.

Litova grandduko Vytaŭtas, nomata la granda kaj liaj posteuloj penis ligerigi Litovujon, sed sensukcese. Tion akcentis ankaŭ litova nobelaro akceptante la protestantismon kiel disigilon de pola influo.

Laŭ pola kutimo estis enkondukita la servuto ĝis tiam neniam praktikata en Litovujo. Litova popolo, eksentinte la fremdan sklavigan manon fariĝis tre apatia al ĉiuj polo-litovaj ŝtataferoj kaj en bataloj kontraŭ potencaj orientaj kaj okcidentaj malamikoj litova popolo malsukcesis.

En la fino de XVIII jarcento la plej granda orienta parto de Litovujo falis sub la rusa kaj la okcidenta restis sub prusa regado.

La okupantoj penante kiel eble plej rapide sennaciigi litovojn kaj provante konstati ilian ne plu ekzistadon forigis eĉ la nomon de Litovujo.

La severega subpremo de okupantoj estis senlima. Oni malpermesis presigi librojn en litova lingvo, punadis por legado, parolado, instruado en litova lingvo. Por litovoj estis malpermesite ofici en Litovujo. Litovoj katolikaj estis perforte pelataj en rusaj preĝejoj kaj amase buĉataj defendante iliajn preĝejojn. Oni ekziladis litovojn al Siberio kaj sendadis rusajn koloniistojn al Litovujo.

Disigata, turmentata kaj perfortigata litova nacio komencis degeli. La poloj ne preterlasis bonan okazon, havante la preĝejon kaj la servutulojn en sia dispono; ili penis identigi la kristanecon kun la pola nacieco. Multe da litovoj pereis en tiu ĉi batalado. Tiuj, kiuj deziris resti litovoj devis multe suferi de poloj aŭ rusoj. Tiuj, kiuj jam ne plu povis toleri, forlasis la patrujon kaj serĉis la rifuĝon en pli gastemaj landoj kiel Anglujo, Usono kaj aliaj landoj, kie oni povis resti litovoj kaj laboradi por liberigado de sia patrujo.

Ne pli brilan sorton atingis litovoj sub la germana regado. Malgraŭ ili povis libere lerni, ofici kaj faris grandajn servojn por revekigado de litovoj en rusa parto per presado de malpermesitaj litovaj libroj, tamen ili multe pli rapide degelis en la germana kulturo.

En la fino de la XIX jarcento aperis litova revolucia gazeto « Aušra » /La aŭroro/ kaj de tiam komenciĝis amasa litova renaskiĝo. Tiun ĉi periodon oni karakterizas kiel bataladon inter la muŝo kaj elefanto, tio estas inter litova inteligentularo kaj potenca rusa imperio.

Kiam en Eŭropo la preso estis la plej potenca ilo por klerigado, la litovoj ne havis ĝin, tamen ili ne restis multe malantaŭe de aliaj popoloj ĝuantaj plenan preslibereon. En 1905 estis akirita plena preslibereco kaj tiam litova popolo postulis la sendependecon por sia lando.

Dum la mondmilito Litovujo estis batalkampo inter du gigantoj kaj litovoj estis devigitaj batali en ambaŭ frontoj. Ĉio estis rekvizita, bruligita, rabita. La viroj de deksesjara ĝis sesdekjara aĝo estis mobilizitaj aŭ en armeo aŭ por militlaboroj. Ĉiaspeca valoraĵo estis forprenita de okupantoj : nek unu kandelingo el kupro restis en preĝejoj. Fine oni forprenis ĉion feran kaj, dum malsato neniigis ĉiujn bestojn.

Je la 16a de Februaro 1918 en Vilnius kolektiĝintaj litovaj kulturbatalantoj, gvidataj de la unua kaj la nuntempa prezidanto de Litova Respubliko Dr. A. Smetona deklaris al la mondo la sendependecon de Litovujo.

Mankis ĉio por realigi la deklaron : mono, sperto, homoj, sed ne mankis la decidemo kaj amo al renaskiĝanta patrolando.

La suda najbaro rememoris iam faritajn uniojn kaj penis aligi Litovujon al Polujo. Litovoj devis batali en ĉiuj frontoj : kontraŭ poloj, rusaj monarkistoj, germanaj trupoj, rusaj komunistoj. La bataladoj ne estis egalaj, ĉar malamikoj posedis armilojn, batalsperton, provizojn.

Vilnius, la malnova litova ĉefurbo. lulilo de litova kulturo kune kun unu triono de etnografia Litovujo restis okupita dank'al politikaj intrigoj kaj litova tro sincera kredo al internacia justeco. La okupita Litovujo ĝis hodiaŭ estas sub la fremda jugo kaj dronas en mizerego.



D-ro A. Smetona Litova Ŝtatprezidanto

Festante la dudekan jaron de litova sendependeco oni miras pri la rezultoj atingitaj dum tiom mallonga tempo. Ĉu ne estas mirinde, ke el malgranda provincurbeto Kovno elkreskis moderna ĉefurbo kun asfaltitaj stratoj, modernaj konstruaĵoj kaj ĉiuj aliaj signoj de grandurbo, ke el anarkia aro da rusaj oficistoj oni formis modelan ŝtataparaton, bone organizitan modernan armeon.

El kelkaj gimnazioj elkreskis sepdeko, fondiĝis universitato, terkultura, Arta, Milita Akademioj, multaj institutoj, seminarioj. Restis nek unu vilaĝo sen lernejo. Estis enkondukita deviga komenclernado. Fonditaj multaj bibliotekoj, legejoj. Fondiĝis potencaj ideaj, politikaj kaj ekonomiaj societoj, kooperacioj, memasekursocietoj, fondoj.

Se antaŭ tridek jaroj oni gardis litovan libron kiel relikvon, hodiaŭ litovaj libroj aperas po semajne pli ol dum dek jaroj antaŭ 1905. Fondiĝis ŝtatopero, kiu jam sukcesis akiri decan lokon en Eŭropo, kaj ŝtatteatro kun multaj teatroj en la provinco.

La abundaj riĉaĵoj de litova popolarto estas kolektataj en la moderna muzeo de Vytaŭtas la Granda, kaj en multaj provincaj muzeoj. Kolektitaj pentraĵoj de genia litova pentristo-muzikisto M. K. Ĉiurlionis kaj fondita galerio je lia nomo. Per centoj da miloj estas kalkulataj folkloraĵoj en la arĥivo de litova folkloro. Organizitaj kaj protektataj multaj kulturaj societoj, disdonataj multaj stipendioj kaj monsubtenoj por akiri diversajn specialiĝojn eksterlande al malriĉaj studantoj aŭ metiistoj.

Gigantaj penoj estis faritaj, kaj nekredeblaj rezultoj atingitaj ankaŭ en ekonomia fako; el la primitiva grenproduktado oni progresis ĝis plej raciaj finproduktaĵoj por kiuj jam estas akirita la mondmerkato malgraŭ ĉie reganta krizo.

La landaspekto estas entute ŝanĝita : konstruitaj novaj fervojoj, ŝoseoj, landvojoj, farita terplibonigo, ekspluatataj la torfprovizoj, anstataŭ ruinigitaj vilaĝoj konstruitaj novaj modernaj farmoj. La poŝto estas ĉiutage hejmen alportata en tuta lando. Kreitaj, organizitaj kaj konstruitaj estas novaj kuraclokoj kaj sanatorioj. Dum dudek jaroj de sendependeco Litovujo kreis tion, kion aliaj popoloj pli frue liberiĝintaj kreis dum jarcentoj kaj en favoraj cirkonstancoj. Litovujo faris ĉion el nenio : de neniu helpata nur dank' al propra persista penado.

Litova nacio per sia paca kulturpenado venkis ĉiujn malhelpojn sur sia vojo kaj ĝi esperas ke per laboremeco, persisteco la litova nacio atingos la celon : liberigi la litovojn el fremda jugo.

Kultura Muzeo de Vytautas la Granda en Kaunas

## Voĉo el dezerto !

Ni ricevis jenan cirkuleron el lando de Centra Eŭropo, kie E vegetas :

*Alvoko al ĉiuj fideluloj en la kontraŭverdaj landoj.*

Dum en preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo niaj movado kaj lingvo progresas, dum ni legas en ĉiu Esperanto-gazeto novajn sukcesojn, dum la tuta samideanaro laboregas por niaj celoj, ni en la kontraŭverdaj landoj estas kondamnitaj esti nur rigardantoj.

Oni malpermesis ĉe ni la organizojn, oni enkarcerigis multajn samideanojn, nur ĉar ili estas Esperantistoj, oni forprenis tutajn bibliotekojn, oni malpermesis gazetojn, ja eble oni mortpafis homojn pro la uzo de nia lingvo.

Sed malgraŭ ĉio multaj restis fidelaj samideanoj, en la vera senco de tiu ĉi bela vorto.

Ĉar al la fideluloj ofte ne estas eble, porti la verdan stelon, kelkaj Esperantistoj decidis, elekti novan ne-oficialan insignon.

La insigno por la fideluloj en la kontraŭverdaj landoj estas simpla pinglo kun helverda kapo. Oni elektis la helverdan koloron, ĉar malgraŭ la nunaj cirkonstancoj hele brilas en la koroj de la fideluloj la verda stelo, hele brilas ankaŭ la espero, baldaŭ denove ricevi la eblecon, kunlabori por niaj celoj. Ĝis tiu ĉi espero efektiviĝos ni portu la helverdan pinglon.

Verda legiano 2.

## Islando

La nuna komitato de la *Reykjavik'a Esperanto-Societo* konsistas el samideanoj :

Thorstein Thorsteinsson
Halbjörn Halldórsson
Baldvin Skaftfell
F-ino Gudbjörg Kristinnsdóttir
Jón Dán
Olafur Magnússon
Asbjörn Jónsson
Gudm. Sigurdsson

Honoraj membroj, laŭ propono de S-ro Krestanov :

Pastro Halldor Kolbeins
S-ro Jonas Rafnar
Direktoro Thorstein Thorteinsson
Verkisto Thóbergur Thódarson

## Verkistoj

Mi kolektas ĉiujn adresojn de esperantistoj kiuj iamaniere verkas en esperanto (originale) — traduke — nur en gazetoj aŭ per libroj. Eble mi aperigos belaspektan adresaron. Bonvolu sendi al mi viajn adresojn kaj informojn pri viaj laboroj. Eble fotografajojn. Al tiuj kiuj sendos ankaŭ respondkuponon mi respondos. Skribu antaŭ 31 aŭgusto 1938.

Corrado Cerri, Instruisto
Direktoro de « LA NOVA pro LINGVA REVUO »
RAMAZZANO
(Perugia-Italujo).

## Miss Esperanto



**F-ino Donka Ĥristova**

En Tirnovo, la lulilo de Esperantismo en Bulgario dum Printempa Festo, estis elektita kiel loka " Miss Esperanto ", samideanino Donka Ĥristova, vestita en pitoreska kostumo nacia.

## Eŭkaristia Kongreso

Ni hungaraj esperantistaj fervojistoj petas ĉiujn eksterlandajn fervojistojn kiuj vojaĝos al Budapest okaze de la Eŭkaristia kongreso ke pri sia alveno estu afablaj urĝe sciigi Teodoro Kovács p. fervojoficisto, Budapest VII. Hernád u. 6. I. 10.

La redaktoroj de esperantaj gazetoj estas petataj represi tiun ĉi alvokon kaj bonvolu komuniki ĝin.

## Korespondado

S-ro Václav Šavel, komerc-oficisto, Praha, Strašnice, Rybníčky 5 (Ĉeĥoslovakio), deziras koresp. kun lingvokapablaj samideanoj.

## Esperantistoj !

Vi trovos multajn interesajn temojn por priparolado kaj pridiskutado dum superaj kursoj en la broŝureto « Nia Vojo » de S-ro IPE, sendata de Inĝ. Jozef Przyborowski 6-go Sierpnia 20, Warszawa, Polujo, po du ekzempleroj kontraŭ unu respondkupono.

## Katalogoj

de Esperanto-librejoj kaj eldonejoj. La eldonistoj estas petataj sendi siajn katalogojn kun nuntempaj prezindikoj al Radomir Klajiĉ, ĉefdelegito de UEA, 23 Svetosavska, Beograd, Jugoslavio

## Ŝako

Redaktoro : Frant. Hájek, Přemyslovo nábř. 396, Praha-Nusle, Ĉ. S. R.

**N-ro 2. Emil Plesnivý, Praha**
**(laŭ la esper. fako de « Schackvärlden », Stockholm)**



**Blanko matas per la 3-a movo.**

Sveda ŝakluda revuo « Schackvärlden » preparas aranĝi por la esperantistoj korespondan turniron, dotitan per la premioj. En la pasintaj jaroj okazis sukcesplene jam du similaj turniroj por niaj samideanoj. Ni rekomendas ĉi okazon al niaj seriozaj ludantoj. Demandu la detalojn de la redaktoro de la esp. fako de Schackvärlden, s-ano Torsten Lindberg en Präsšebo, Svedujo.

---

Nia laste publikigita alvoko al la samideanoj, per kiu ni petis konsili gajni la okmovan pozicion estis respondita per kelkaj, sed tro mallaŭtaj voĉoj kaj tiuj ankaŭ ne tuŝis rekte la demandon. Unu el tiuj voĉoj asertis, ke la gajno estas tre malfacila, nepre postulante la klaran cerban laboron kaj konsilis al ni fariĝi vegetaranoj kaj manĝi la vitaminojn, kiuj protektas la cerban potencon. Estis nomita precipe la unueciga speco : la vitamino « Z », kiun laŭ la aserto aplikas kun bonaj rezultoj ankaŭ la gvidantoj de la tutmonda esperantista organizado.

Pro la manko de aliaj proponoj ni provis uzi ĉi tiun. vere amikan konsilon kaj kun granda ĝojo ni sukcesis trovi la mankantan solvon de la partia pozicio : 1. Ta5 — b5 a6 × b5 2. Ĉf7 — d6 Rb8 — a7 3. Te7 × a7 Ra7 — a6 4. Ĉd5 — c7 + Ra6 — a5 5. Tb7 × b5 + Tg5 × b5 6. Ĉd6 — c4 + Ra5 — b4 7. a2 — a3 + Rb4 — c3 8. Ĉc7 × b5 mato, (2. — Ĉc3 — a5 ? 3. Te8 + Ra 7 4. Ĉ × b5 + Ra6 5. T × a8 mato). — 1. Tb5 b6 ? 2. Ĉd6 ktp. — 1. Ĉd6 ? Ĉ × a5 - ktp. Trovinte ĉi tiun kaŝitan daŭrigadon en la ludo, ni estas ne nur rekompencitaj per la gajno, sed ni samtempe meritis per la savo de la grave endanĝerigita esperantista animo de nia samideano.

## Bibliografia Servo

*Yosikatu Sibata :* La Verda Stelo rigardata el la Ekstrema Oriento, trad. Kinsyoo Siraki. Eld. Nagoja Esperanto-Asocio, (1, 2, Teppooĉoo, Nagoja, Japanujo). 76 paĝoj. Formato 19 × 13 cm. Prezo ni indikita. (1937-51).

*Edmond Privat :* Vivo de Zamenhof (dua eldono). Eld. The Esperanto Publishing Co. Ltd. (Rickmansworth, Anglujo). 133 paĝoj. Formato 19 × 12,5 cm. Prezo : broŝ. —.2.6 ; bind. —.3.6 anglaj funtoj + por afranko : broŝ. —.—.3 ; bind. —.—.6. (1937-52).

*Fento Stancliff* (kompilinto) : Konkordanco al la Originala Verkaro de Zamenhof. Eld. Amerika Esperanto-Instituto (Rockford, Illinois, Usono). 50 paĝoj. Formato 22 × 14,5 cm. Prezo : 40 cendoj (afrankite). 1937-53).

*Vlada Hvezdenský* (Steleculo) : Pro la Ĉarma Amo, Pro la Rava Paradizo. Eld. Lumturo de la Libereco de la Homaro (Vizovice, Ĉeĥoslovakio). 20 paĝoj. Formato 17,5 × 11 cm. Prezo : Kč. 4.50. (1937-54).

*** La Najtingalo (Esperantista Kantaro), kompilita de la Suda Kruco. Eld. Malnova Turo, Esperanto-fako de Snep et Van Piere A. S. (Oude Torenstr. 22, Eindhoven, Nederlando). 32 paĝoj. Formato 16 × 12 cm. Prezo ne indikita. (1937-55).

*Marie Koenen :* La Sunkrono, trad. P. Van de Vijver. Eld. Malnova Turo, Esperanto-fako de Snep et Van Piere A. S. (Oude Torenstr. 22. Eindhoven, Nederlando). 100 paĝoj. Formato 20,5 × 15 cm. Prezo : broŝ. Gld. —.80 ; bind. 1.50. (1937-56).

*B Fmaria Ha De Vernyj :* Dion Adori (dua eldono). Eld. Literatura Mondo, (Soroksári-út. 38, Budapest IX, Hungarujo). 63 paĝoj. Formato 23 × 15 cm. Prezo ne indikita. (1937-57).

*Karel čapek :* La Blanka Malsano (triakta dramo en 14 bildoj), trad. Th. Kilian. Eld. Moraviaj Esperanto-Pioniroj (Olomouc, Ĉeĥoslovakio). 100 paĝoj. Formato 20,5 × 15 cm. Prezo : broŝ. Kč. 15.— ; bin. Kč. 18.— + 10 % sendkostoj. (1938-3).

## Poŝtmarkoj

Mi deziras interŝanĝi PM kun ĉiuj landoj kaj korespondi pri muzikiloj. Chris Maurer, Box 3432R, G. P. O., Sydney, New South Wales, Aŭstralio.



## Zamenhof-monumento

Al ĉiuj, kiuj sendas al mi sparitan ilustritan poŝtkarton, mi sendas *senpage* la plej novan bildon de la Zamenhof-monumento en nia urbo. Bonvolu skribi el multaj landoj. Respondo garantiata. Adreso : J. Dercks, Delegito de UEA, Antwerpsche str. 43 *Bergen-op-Zoom* (Nederlando).

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**
**Redakcio : Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de U E A**
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie
Dato : 30 Aprilo 1938